HAMBURG Esperanto

2/1993

Aprilo/Majo

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.




# Novaj poŝtkodoj en Germanio

**Hamburg (ehh). Granda teruro ekkaptis la Hamburganojn, kaj kune kun ili milionojn da Germanoj: La Federacia Poŝto enkondukos novajn poŝtkodojn por tuta Germanio.** Post plimalpli tridek jaroj, dum kiuj estis uzitaj la ĝisnunaj poŝtkodoj, ŝajnas kvazaŭ revolucio: Ne plu validos la kutimaj poŝtkodoj kun kvar ciferoj, sed aperas tute novaj - kvin-ciferaj - kvankam oni ja tiom bone alkutimiĝis al la ĝisnuna sistemo. Oni devas ŝanĝi ĉiun adreson, eltrovi la novan poŝtkodon, kaj - kompreneble - komuniki la ŝanĝon al ĉiuj amikoj, por ankaŭ estonte ricevi iliajn leterojn. La Federacia Poŝto bedaŭrinde ne scias, ĝuste klarigi

***Daŭrigo sur paĝo 3***

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26
✆ (040) 2 50 30 65
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, W-2000 Hamburg 50 ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, Hamburg 80*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 3/1993: 08-05-93**

**Nenio estas neebla - por tiu, kiu ne devas fari la laboron**

# Atentu!

Ekde la 1a de Julio validas la novaj poŝtkodoj en tuta Germanio. Jen kelkaj Esperantistaj adresoj en Hamburg:

Hamburga Esperanto-Societo r.a.
Klaus-Groth-Straße 95
**20535 Hamburg**

Gesellschaft für Internationale Sprache e.V.
- Dr. Werner Bormann -
Schärstraße 26
**21031 Hamburg**

Benno Klehr (prezidanto de HES)
Oelkersallee 31
**22769 Hamburg**

Hella Lanka (kasistino de HES)
Grünewaldsrtaße 2
**22607 Hamburg**

Wolfgang Löbel (sekretario de HES)
Emekesweg 32 d
**22391 Hamburg**

Elsbeth Wielgus (doma administrado)
Elise-Averdieck-Straße 34
**20535 Hamburg**

Se vi bezonas la novan **poŝtkodon** por iu adreso en Germanio – demandu nin: Tel. 0 40 - 43 51 97

*Benno Klehr*

***Daŭrigo de paĝo 1:***
la ŝanĝojn al la klientoj. Per televidaj varbfilmoj - sen rilato al la temo - oni klopodas atentigi la homojn pri la novaj poŝtkodoj.
**La normala uzanto de la poŝta servo tute ne povas kompreni, kial tiuj novaj poŝtkodoj estas necesaj.** La poŝta administracio nur heziteme klopodas klarigi tion. Verŝajne la monopola organizo sentas sin kvazaŭ **dieca entrepreno**, kiu ne devas klarigi ian decidon. La rezulto de tiu neinformado estas konfuzo kaj mokado. Per simplaj ekzemploj eblus klarigi la avantaĝojn de la nova sistemo - sed la Federacia Poŝto preferas varbfilmojn kun "arta valoro". Ĉu la supraj poŝtuloj taksas siajn klientojn tiom stultaj, ke oni devas prezenti al ili la novajn poŝtkodojn kvazaŭ dia donaco? Ĉu eble la poŝto mem ne scias, kial oni enkondukas novajn poŝtkodojn? La poŝto certe scias, kaj ekzistas vere raciaj kaŭzoj.
La ĝisnunaj poŝtkodoj estis adaptitaj al la poŝtaj transportvojoj en la 60-aj jaroj: la **fervojo**. Pro tio la urbo Kassel ekzemple - kvankam en la federacia lando Hesio - ricevis la poŝtkodon 3500. La vojoj de transporto ŝanĝiĝis dum la pasintaj 30 jaroj. Multaj sendaĵoj atingas sian celon per aviadilo kaj ne per trajno. Krome la teknikaj eblecoj trege ŝanĝiĝis: Hodiaŭ la poŝto uzas aŭtomatan ordigadon laŭ poŝtkodoj. Sed la aŭtomata ordigado nur funkcias ĝis certaj limoj, kiom la poŝtkodo indikas.
La granda urbo Hamburg ĝis nun havis la poŝtkodon 2000 - plejparte - sed ankaŭ 2050, 2100, 2101, 2102, 2103, 2104. Tamen la poŝtkodon 2000 ankaŭ havis ekzemple la urboj Norderstedt kaj Wedel (ĉe Hamburg). Oni povas ŝpari tempon kaj laboron, se la sendaĵo jam de komence estas ekipita per senduba poŝtkodo: En la urbo de la sendinto jam la letero ricevas signon, kiun povas legi **maŝino**. La signo indikas: kiu urbo, kiu urboparto kaj kiu liverado. En la nova sistemo de poŝtkodoj sufiĉas 5 ciferoj por indiki la tuton. Laŭ la malnova sistemo oni devis plurfoje mane ordigi. Tio kaŭzas kostojn. Se unu ordigado sufiĉas, la poŝto povas ŝpari multan monon, kaj tempon, kio estas avantaĝa por la klientoj. Jen ekzemplo, kiel funkcias la nova strukturo de poŝtkodoj: Mia nova poŝtkodo estas 227 69. La komencaj tri ciferoj 227 jam sufiĉas por eltrovi la urboparton Altona (Antaŭe ĝi estis 2000 HH 50). La du lastaj ciferoj pli precizigas: 69 estas norde de Stresemannstraße, 65 inter Stresemannstraße kaj Max-Brauer-Allee, 67 estas sude de Max-Brauer-Allee.
La poŝtaj distriktoj ne ŝanĝiĝis, nur la numeroj!
La novajn numerojn oni baldaŭ lernos:
La nuna Hamburg 1 komenciĝos per 200;
HH 11 = 204; HH 13 = 201; HH 20 = 202;
HH 26 = 205; HH 36 = 203; HH 50 = 227;
HH 60 = 222; HH 70 = 220.

Tamen estas iom strange, ke la novaj distriktoj de la poŝto tre similas al tiuj, kiuj malaperis post la milito en kunfandaĵoj kun aliaj. La fama St. Pauli iam estis Hamburg 4 kaj norde de ĝi la Karolinenviertel estis Hamburg 6. Dum kelkaj jaroj ili apartenis al Hamburg 36, sed nun ili denove ricevas proprajn poŝtkodojn:
St. Pauli = 203 59; Karoviertel = 203 57.
Neustadt-Nord (antaŭe HH 36) = 20355

BK

20535

**Jen! Nia nova poŝtkodo!**

## Ĉe-Ellen-ir-tago 20.5.1993

Dum ĉielirtago ankaŭ ĉi-jare kiel kutime ni trinkos kafon post promeno de la Esperanto-Arbo al la HES-klubejo. 🕒 Ni renkontiĝos je la **15a horo** apud la metroa stacio **Horner Rennbahn**, elirejo Bauerberg. Estas nur kelkaj paŝoj al la Esperanto-Arbo. De tie ni komune promenos tra la parko laŭlonge de la metroa linio ĝis la klubejo, 🕓 kie je la **16a horo** ni povos trinki kafon kaj manĝi kukon.
Poste okazos lotumado de intersesaj libroj.

## Neue Kurse für Anfänger

im Esperanto-Haus, Klaus-Groth-Str. 95, HH 26

**Schnupperkurs**
**Sonntag, 2. Mai 93 um 14 Uhr**

**Anfängerkurs**
**ab 5. Mai mittwochs 18 Uhr**

Beitrag: 150,- (ermäßigt 75,-)

**La ĉi-suba artikolo *"Stoppt die Katholikenflut!"* estis publikigita en *Stimme, gazeto por en- kaj ekster-landanoj en la lando Bremen*, n-ro 6/7 92. Ne estas eble adekvate traduki la tekston en Esperanton, ĉar la uzataj esprimoj estas tipe Germanaj, kaj traduko certe damaĝus la esencon de la satiro.**

# Stoppt die Katholikenflut!

Um es gleich vorweg zu sagen, wir haben nichts gegen Katholiken. Im Gegenteil, wer sauber ist und hier seit Jahren Steuern zahlt, ist uns willkomen. Wir wehren uns nur dagagen, daß wir Bremer durch den ungebremsten Zustrom von schwarzen Schafen und ihren bischöflichen Hirten unsere kulturelle Identität verlieren. Leider ist es den meisten Katholiken aufgrund ihrer fundamentalistischen Einstellung bisher nicht gelungen, ihre naturreligiöse Vorstellung von Sexualität, nach denen sexuelle Handlungen nur zum Zwecke der Fortpflanzung ausgeübt werden dürfen, abzulegen. Das führt dazu, daß diese Bevölkerungsgruppe, die wir einst als Gäste in unser Land riefen, sich hier vermehrt, wie die Karnickel auf der Geest. Sind es nicht die Katholiken, die durch ihre beharrliche Ablehnung jeder Form von Empfängnisverhütung in erheblichem Umfang zur Verschärfung von Problemen wie Wohnungsnot und Arbeitslosigkeit beigetragen haben, und damit die Stabilität unserer D-Mark in Gefahr bringen?
Nach Untersuchungen des Landeskriminalamtes Bayern wurde eindeutig nachgewiesen, daß 78,47 % aller bayrischen Straftäter Katholiken sind. Allein diese Zahl macht schon deutlich, daß der dramatische Anstieg der Kriminalität in den letzten Jahren nicht unabhängig vom Katholikenproblem betrachtet werden darf. Noch stellen die Katholiken in Bremen eine Minderheit dar, doch allein in der Zeit von 1961 bis 1987 hat sich die Zahl um mehr als 22% auf 158.000 erhöht. Schon das Symbol, daß die Katholiken anbeten, das Bildnis eines Gefolterten am Kreuz, ist ein beredtes Zeugnis der latenten Gewaltbereitschaft dieser Gruppe. Muß es erst soweit kommen, daß sich keine Bremer Frau mehr aus Angst vor Katholiken auf die Straße traut?
Besonders besorgniserregend ist für Fachleute die Tatsache, daß zwischen Einführung des Bundessozialhilfegesetzes im Jahre 1961 und dem Anstieg der Katholikenzahlen in Bremen direkte Zusammenhänge vermutet werden können. Hier ruhen sich die Katholiken ganz offensichtlich in der Hängematte unseres Wohlstandsstaates aus. Zwar sind wir noch eines der reichsten Länder dieser Erde, aber wie lange können wir uns diesen Mißbrauch durch Katholiken noch leisten? Die Katholiken haben einen eigenen Staat, eine Heimat, in der sie nicht unterdrückt und verfolgt werden. Wenn sie zu uns kommen, geschieht dies in der Regel nur aus wirtschaftlichen Gründen, obwohl der Vatikan das höchste Pro-Kopf-Einkommen der Welt hat. Müssen wir am Ende alle 900 Millionen Katholiken der Erde bei uns aufnehmen? Nein, wir können das Katholikenproblem dieser Welt nicht alleine lösen und die zunehmende Katholikenfeindlichkeit in Bremen erfordert sofortiges Eingreifen und Handeln.
Wir schlagen deshalb vor:

- Abweisung aller Katholiken an Bremens Grenzen!
- Sofortige Abschiebung aller kriminellen Katholiken in den Vatikan!
- Erteilung einer befristeten Aufenthaltsgenehmigung für Katholiken nur bei Nachweis eines Arbeitsplatzes!
- Abschaffung des Wahlrechts für Katholiken!
- Ausweisung aller Katholiken bei Sozialhifebetrug oder Arbeitslosigkeit!
- Unterbringung aller Katholiken in Gemeinschaftsunterkünften!
- Ausweisung der Katholiken bei verfassungsfeindlichen Aktivitäten!

El tiuj 94 silaboj estu faritaj 32 vortoj, kies komencaj literoj formas riman sentencon. Se vi sendos al la redakcio tiun sentencon antaŭ la 1a de Majo 1993, vi partoprenos en la granda libro-lotumado, kiu okazos la 20an de Majo en la HES-klubejo. (Sed ne faru ĝin fiŝe kaj muse*!)

a - a - a - ak - an - be - bi - bo - bfi - ce - ci - dak - do - e - e - ed - es - fin - frag - ge - gla - go - gro - ĝi - i - in - ip - ka - kle - ko - kor - kos - la - le - li - lo - lo - lo - lu - lum - men - men - mo - mor - ner - no - no - no - no - no - nu - o - o - o - o - or - oz - pi - pi - pi - pre - ra - re - re - ro - ru - sen - si - si - so - so - sto - ta - ta - ti - ti - to - to - to - to - tok - ung - van - ve - ven - vo - vo - vo - vo - vo - vol - zi - zi - zo.

1. parto de korpoparto
2. serpentforma besto
3. fundamenta ero de tutaĵo
4. korpoparto, kiu transdonas impresojn
5. kuracilo
6. infana malsano
7. tranĉodento
8. alkoholaĵo el junipero
9. litero, neekzistanta en Esperanto
10. dormeto dum tagmezo
11. falanta neĝamasego
12. (pli)-rapidigi
13. alia vorto por veneno
14. unuanima opinio
15. nete
16. universo
17. sufikso: plena je, riĉa je
18. vendvaloro de objekto
19. lando en Afriko
20. valora ŝtono
21. batalilo
22. pafilo
23. afrik-aziano
24. atomkerno
25. frukto
26. parenco
27. derompita peceto
28. erara penso aŭ opinio
29. kurba tenilo
30. forno en loĝĉambro
31. ŝipestro
32. muzikilo

*Tiun ĉi enigmon elpensis Hans Riisgaard*

*mise kaj fuŝe

## Solvo de Enigmo 6/92

Tegi - urĝi - truo - elokvento - limako - izoli - besthaŭto - ekvilibro - rimeno - animalo - karlchen - invadi - eksperimento - leono - bleki - intermita - ruli - digno - oratoro - abismo - ekstermi - retro - adreso.

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo*: sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19:30.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## APRILO

- **1** **Literatura vespero** *Elsbeth Bormann*
- **8** *Hannelore Brunow:* **Grésillon - filmo**
- **10** *Studrondo*
- **15** *Frank Merla:* **Muzikpecoj de Lennon / Mc Cartney**
- **24** *Studrondo*
- **26** ***GIS-Kunveno***
- **29** **El la kofro de Ellen** historiaj diapozitivoj

## MAJO

- **6** **Literatura vespero** *Hannelore Brunow*
- **8** *Studrondo*
- **13** *Klaus Dieckmann:* **Fraŭlino Balaston** (video - filmo)
- **20** **Ĉe-Ellen-ir-tago** vidu informojn sur p. 4!
- **22** *Studrondo*
- **27** **Babilanta Rondo**
- **28 - 31** (Pentekosto): **Germana Esperanto - Kongreso en Karlovy-Vary (Ĉeĥio)**

**Bonvolu ne forgesi, ke la tempo por manĝi ĵaŭde en la klubejo estas antaŭ la 20a horo!**

# Messe Weiterbildung 93
# 23. - 25. 4. 1993

Esperanto wird durch die *Gesellschaft für Internationale Sprache e.V.* auch dieses Jahr wieder mit einem Stand auf der Messe **Weiterbildung** in den Hamburger Messehallen vertreten sein. Der *Esperanto-Verein Hamburg e.V.* beteiligt sich finanziell und personell an der Durchführung dieser wichtigen Veranstaltung.

Far la *Societo por Internacia Lingvo r.a.* ankaŭ ĉi-jare Esperanto estos reprezentita en la ekspozicio **Weiterbildung** (pluklerigado) en la ekspoziciaj haloj de Hamburg. *Hamburga Esperanto-Societo r.a.* subtenos la okazigon de tiu grava aranĝaĵo per financaj rimedoj kaj persona helpo.

# Kunhelpu kaj gajnu

**Pola Radio** invitas ĉiujn geaŭskultantojn, partopreni en la kunredaktado de la Esperanto-elsendoj per proponado de konkretaj temoj por priparolo, prezento en la elsendoj.
Oni proponu diversajn temojn, kiuj rilatas la vivon en Pollando aŭ estas ligitaj kun iuj temoj jam prezentitaj en elsendoj.

Resendintoj de la tiucela formularo aŭtomate partoprenos en lotumado de son-kasetoj kun interesaj paroladoj aŭ intervjuoj el la arkivo de Pola Radio, muzikkasetoj kaj libroj.
Formularoj por **kunredaktado** kaj mendiloj por la **Koncerto kun bondeziroj** estas haveblaj en la HES-klubejo.

# Nekrologo

### Ni funebras pri Erhard (Hardy) Matthes *26.4.1925 †26.11.1992

La 26an de Novembro 1992 *Erhard Walter Matthes* mortis 67jara en la malsanulejo de Mannheim. Li naskiĝis la 26an de Aprilo 1925 en la saksa urbo Meißen.
En Usona militkaptitejo li lernis Esperanton kaj aktivis en nia movado dum pli ol tridek jaroj. En Mannheim li kuniniciatis la Zamenhof-straton kaj du Esperanto-faldfoliojn de la turisma oficejo (po dudekmil ekz.), kiujn li disdonis en internaciaj kongresoj.
Li informis pri Esperanto en ekspozicioj, gazetaro, radio kaj televido. Per ampleksa korespondado kaj dum sennombraj vojaĝoj al Eŭropaj, Afrikaj kaj Sudamerikaj landoj li praktikis la interpopolan amikecon. Li kunlaboris en *Carl-Duisberg-Gesellschaft*, kiu prizorgas junajn eksterlandanojn, kaj organizis Esperanto-kunvenojn en ties klubejo.
En 1985 la *Esperanto-Ligo Kurpfalz* nomis lin **honora membro**.
Lia *Esperanto-Ranch*, kie li gastigis multajn geamikojn diverslandajn, ne plu ekzistas, sed restos la memoro al fidela amiko kaj fervora Esperantisto.

*Richard Reuchlin*

# Das *Leid*bild des DEB

(Tiu ĉi artikolo intence ***ne*** estas Esperant-lingva, sed Germana, por eluzi la vortan similecon inter la Germanaj vortoj leiten = gvidi kaj leiden = suferi. Krome - bedaŭrinde - estas pridubeble ĉu tiuj, kiujn koncernas la teksto, fakte komprenus ĝin en Esperanto; almenaŭ oni povus supozi tion kiel kaŭzo ke GEA-kunvenoj dum la pasintaj jaroj ĉiam okazis German-lingve.)

Do nun Germane:

Das Leitbild, das uns vom Vorstand des Deutschen Esperanto-Bundes präsentiert wurde, soll so etwas wie ein Grundsatzprogramm des DEB sein. Als Teil der Strategie ***GEA 2000*** stellt es eine Art Richtlinie dar, und drückt das Selbstverständnis des DEB aus. Die Idee ist gut. Ist es aber sinnvoll, daß ein Vorstand, dessen Mitglieder fast alle nicht zur Wiederwahl bereit sind, für das nächste Jahrtausend plant? Was nützt dem DEB eine Vorausplanung, wenn nicht einmal klar ist, ob man auch die Leute hat, um die Pläne zu verwirklichen? Unter dem hochtrabenden Namen *Deutsches Esperanto-Zentrum* läuft ein kleines, unterbesetztes Büro in Bonn. *Läuft* ist gut! Es läuft eben nichts. Da beginnt das Leitbild zum Leidbild zu werden. Ein scheidender Vorstand beschließt, was der nachfolgende Vorstand zu tun hat - schon einzigartig - aber vielleicht typisch für die Movado: Irgendwie wird es schon weitergehen; Hauptsache wir haben es schriftlich. Man darf nicht vergessen: Für die meisten ist Esperanto nur ein Hobby, das irgendwann zuviel Energie beansprucht. Übrig bleiben nur Ideen, was man noch hätte tun können...

*Benno Klehr*

## 'N BETEN WAT OP PLATT

# Esperanto för Blinne

Of Blinne - un ick segg dat geern -
of de künnt Esperanto lehrn.
De Böker de se doorto brukt,
sünd mit de Brallјeschrift utdruckt.

Hier steiht för den, de 't ni all weet,
een Prow de Esperanto heet:



Nu stell, wat ick hier schreben heff,
di tastboor för as een Relief,
un wat dat de, de dat verstoht,
mit jüm er Fingern lesen doot.

Un dink di, wat de Ümstand tellt,
wat se so üm de heele Welt
in elkeen Land mit elkeen Fründ
vergnööglich in Kontakt ween künnt.

Jo, de Oort Glück schult Minschenfrünne
de Blinnen heel vun Harten günnen,
üm jüm doormit fört gansse Leben
veel Freid mit op den Weg de geben.

No Karl Banselow
opschreben vun
Hans Bruhn

La granda intereso, kiun vekis miaj artikoloj pri la Baltaj landoj, instigis min, daŭrigi la serion. Speciale al la landoj en orienta Eŭropo mi volas direkti mian intereson - kaj la vian, kara leganto. Orienta Eŭropo post jardekoj de fermiteco nun estas atingebla por ni okcidentanoj, sed mankas informoj pri tiuj landoj, kiuj estis malaperintaj en la Soveta regno. Mi esperas, ke ankaŭ la venontaj artikoloj trovos vian intereson.

*Benno Klehr*

# Belorusio - la Regno de Minsk

Nacilingve en cirilaj literoj:

Белоруссия




Belorusio, aŭ Blank-Rusio, troviĝas sude de la Baltaj ŝtatoj kaj oriente de Pollando. Ĝis 1991 ĝi estis Soveta socialisma respubliko, nun Belorusio estas ano de la Komunumo de Sendependaj Ŝtatoj (KSŜ). La ĉefurbo Minsk situas proksime de la fonto de la rivero Nemano apud la rivero Svisloĉ, kies akvo ne fluas al la Balta Maro sed suden en la riverojn Pripjato kaj Dnepro al la Nigra Maro. La aĝo de la urbo Minsk ne estas certe konata; la unua mencio de "*Menesk*" datas el la jaro 1067. En 1101 la urbo kun la ĉirkaŭaĵo deklaris sin Princlando, sed jam en 1129 estis aligita al la Regno de Kiev. En la 14a jarcento Litovaj Princoj konkeris la urbon, eluzante la dissplitiĝon de la Rusaj princlandoj. Plurfoje Minsk estis konkerita kaj detruita de diversaj eksteraj potencoj. En 1792 Minsk fariĝis Rusa. En 1796 ĝi fariĝis la ĉefurbo de la provinco Belorusio, kaj restis tia ankaŭ post la Sovetiĝo en 1921. Laŭ la pac-kontrakto (Marto 1918) de Brest-Litovsk (hodiaŭ nur Brest), la okcidenta regiono - inter Litovio kaj Ukraino fariĝis parto de Pollando ĝis 1945, kvankam jam en Novembro de 1918 Rusio kaj la okcidentaj potencoj deklaris la kontrakton nevalida.



**La flago**

La urbo **Minsk** (1,6 Mio. enl.) estis preskaŭ tute detruita dum la dua mondmilito kaj nove konstruita poste. La **Katedralo**, unu el la malmultaj postrestaĵoj el la jaro 1611, enhavas ikonon de la Patrino de Dio, kiu laŭdire kaŭzis miraklojn. La **Obelisko de Venko** (38 m) memorigu pri la mortintoj de la dua mondmilito kaj la detruo de la urbo. Apud ĝi brulas *eterna flamo*. **Brest** (260 000 enl.) estas la plej malnova urbo en Belorusio. Ĝi estis unue menciita en la jaro 1019. Historiajn konstruaĵojn oni preskaŭ ne plu trovas en Brest, ĉar ĝi estis tute detruita de Germanoj dum la dua mondmilito. Entute dum la Germana okupacio de Belorusio mortis **kvarono** de la civitanoj.

*BK*

# Ni pri ni (II)



Rilate al la artikolo **Historio de la Studrondo** de *Hannelore Brunow* mi deziras kompletigi la raporton, priskribante, ke ne nur la spertaj Esperantistoj estas laŭdendaj, sed ankaŭ la malpli spertaj. Ili dum mia partopreno en la studrondo tiom progresis speciale en gramatiko (ĉar ili havas la ambicion perfektiĝi sur tiu ĉi kampo), ke ili ofte jam estas pli certaj en gramatikaj specialaĵoj ol iliaj spertaj helpantoj. Tion ankaŭ pruvas iliaj bonaj rezultatoj en la ekzameno pri lingva kapableco.

*Bruno Lehmann*

---

**En la klubejo, aŭ pli bone, en la domo de Hamburga Esperanto-Societo okazis multe dum la pasintaj semajnoj. La kluba salono estis nove farbita, la kuireja provizejo estis ekipita per novaj bretaroj, por pli racia deponado; multaj difektoj estis reparitaj kaj - plej grave - la biblioteko estis tute malplenigita, purigita kaj nove aranĝita. Sur novaj, unuecaj bretaroj nun la libroj atendas la grandan novan ordigon per komputoro. Hannelore Brunow ankoraŭ ne scias, kiom grandan laboron ŝi transprenis, kiam ŝi akceptis la postenon de kluba bibliotekistino en Februaro 1992... Jen ŝia raporto, kiun mi ne tradukis, por konservi ŝian specialan stilon, kiun mi ne kapablas imiti.**

*BK*

# "Hast du Karlchen gesehen?"

Es war wieder einmal so weit. Geschäftiges Treiben im Klubhaus.
Die Bibliothek wird neu gestaltet und die Bücher werden mit einem neuen Programm katalogisiert. Wir wissen, daß sehr viel Arbeit auf uns zukommt. Das hat uns (in alphabetischer Reihenfolge) - Benno, Burkhard, Elsbeth, Gerd, Hannelore, Izet und Volker) - bisher wenig gestört. Telefonate, Gespräche, Diskussionen, Debatten, Vorschläge, Skizzen, Kalkulationen, all dies beschäftigte uns wochenlang. Dann standen Farbtöpfe, Bretter, Werkzeug und der ganze Renovierungskram da. Tiggys kleiner Flitzer schleppte alles heran. Aber wohin mit den Sachen aus der Bibliothek? Im Salon konnte der ganze Kram nicht stehen. Also wurde zuerst das Magazin renoviert, die Bibliothek leergeräumt, und die Bücher im Saal und im Magazin gelagert. Izet half kräftig mit.
Das nächste Wochenende war da. In der Bibliothek sägten und hämmerten Burkhard und Benno, während Volker in der "Westkurve" die alte Latexfarbe entfernte und Gerd die Magazintür abschmirgelte. überall staubte es, Sägespäne häuften sich. Hochsaison für unseren kleinen runden Staubsauger. Gefräßig nahm er alles auf, was man ihm anbot. Geduldig ließ er sich die Treppe hinauf- und hinuntertragen und brummte vor Vergnügen, wenn er über den Bauabfall rollte.
Manchmal verschnaufte der kleine Schwarze sich etwas und lauerte darauf, daß wieder ein Kopf um die Ecke schaute und fragte:
"HAST DU KARLCHEN GESEHEN?"

*Hannelore Brunow*

# 71. Deutscher Esperanto-Kongreß in Karlsbad 28. - 31. 5.

# Hotel-Liste

**Für alle Unterkünfte gilt: Bezahlt wird in Karlsbad im Hotel / Studentenwohnheim und in DM! D.h. auch bei Nichterscheinen muß das Hotel gezahlt werden! Stornierung bis zum 20.4.93 gegen Stornogebühr von DM 20,- möglich.**

Preise (in DM) jeweils pro Person und Nacht mit Frühstück. - DZ = Doppelzimmer; EZ = Einzelzimmer; ZB = Zusatzbett.

**** ***Hotel Thermal*** - Kongreßhotel
nur wenige Plätze, alle Zimmer mit Du/WC.
DZ 60,- / ZB 25,- / EZ 75,-

**** ***Hotel Elva*** - 5 min vom Hotel Thermal
- Du / WC / Tel / TV
DZ klein 50,-/DZ groß 75,-/ZB 25,-/EZ 75,-

**** ***Hotel Mignon*** - 15 min vom H. Thermal
- Du / WC / Tel / TV / Parkplatz 3,- je Tag
DZ 66,- / ZB 30,- / EZ 88,- / ZB 33,-

** ***Hotel Brno*** - nahe Hotel Mignon
Zimmer mit fl. w/k Wasser, Etagen-Du / WC
DZ 33,- / Dreibettzimmer 32,- / **keine EZ**

** ***Hotel Modena*** - 10 min vom H. Thermal
Alle Zimmer mit Du / WC
**Kein Frühstück im Hause möglich**
DZ 33,- ohne Frühstück/EZ 33,- ohne Frühstück

**Massenquartier** = Studentenwohnheim
Entgegen der Vorankündigung befindet sich das Studentenwohnheim in der Stadt, zu Fuß 25 min, mit dem Bus 10 min vom Kongreß - Hotel Thermal. Die Unterbringung erfolgt in Dreibettzimmern, von denen eine geringe Anzahl auch als Doppelzimmer belegt werden kann. Waschgelegenheit, Du / WC auf der Etage. Pro Person und Nacht ohne Frühstück 16,- DM, Frühstück im Hause erhältlich ca. 2,- DM, zusätzlich Kurtaxe ca. 0,50 DM.

## Hotelbestellung

an **Ursula Felhölter, Lathener Str. 4, W- 4500 Osnabrück**

**eilt!**

(Zutreffendes bitte ankreuzen oder ausfüllen)

Hiermit bestelle ich für die Zeit vom ...................... bis ......................

Einzelzimmer ...... Doppelzimmer ..... Zusatzbett ..... Dreibettzimmer .....

im Hotel ............................... zum Preis von .............. DM

Bett im Studentenwohnheim ....

Name: ..........................................................................................

Begleitperson: ..................................................

3. Person: .................................................... Datum, Unterschrift: ...............................